Březen — Marto 1904. Nro 3.

ROČNÍK II
JARO II

# ČESKÝ ESPERANTISTA

Měsíčník pro šíření pomocného jazyka mezinárodního

ORGÁN
»Rakouského spolku Esperantistů« v Brně a »Klubu Esperantistů« v Praze.

ORGANO
de »Aŭstria societo Esperantista« en Brno kaj de »Klubo Esperantista« en Praha.

Redaktor české části: KRUMPHOLC JOS.

Redaktoro de l' parto Esperanta: ČEJKA TH.

Roční předplatné 3 K.
Jara abono 3·50 fr.

OBSAH:
ENHAVO:



Redakcio & administracio:
BYSTŘICE-HOSTÝN
Moravio. Aŭstrio.

Číslo po 40 h.
Nro po 45 cent.

Členové spolku Brněnského i klubu Pražského dostávají „Č. E.“ zdarma.

# ČESKÝ ESPERANTISTA

Monata gazeto por la propagando de Esperanto. Estas eldonata en kajeroj 16-paĝaj.

Nepresitajn manuskriptojn la redakcio redonos, se oni aldonis poŝtan markon por la resendo. — Poŝtaj markoj (kiel abonpago) estas akceptataj nur por ³/₄ de ilia valoro.

**Represo kaj eĉ traduko de ĉiuj artikoloj estas permesita sub jenaj kondiĉoj: 1. Citi nian gazeton. 2. Sendi al la redakcio 3 ekz. de tiu presaĵo, en kiu troviĝas la artikolo aŭ traduko.**

Por ĉiu respondo, kiun oni deziras ricevi de la redakcio aŭ administracio, estu aldonita poŝta marko aŭ karto.

---

## TELEFONO DE REDAKCIO.

S-o **Hoskison**: Pri gratuloj, kiujn vi ricevis, ankaŭ ni sincere ĝojas. — S-o **L. de B.**: Laŭ aŭtoritata sciigo ni povas certigi, ke »Delegitaro por alpreno de helpa lingvo internacia« tute ne intencas nek celas krei novan lingvon ian. Kontraŭe, ĝiaj cirkuleroj deklaras, ke nenia aŭtoro de ia projekto plena (praktikebla) de lingvo artefarita povas esti membro de »Delegitaro«. — **Petoj al niaj legantoj**: Kiu povas sciigi al ni adreson de s-o A. Prager, elektroteknikisto? Kiu havas por vendi I. jarkolekton (1890) de »La Esperantisto«, 1-3 ekz. de 1. Nro de »Esperantisto« (IV. jaro 1894) kaj I., II., III., IV. jarkolekton de »Lingvo Internacia« (Upsalo)? Sendadu al ni adresojn, laŭ kiuj ni povus alsendi sukcese provan Nron de nia gazeto. — **Teknika anguleto** aperos ĝis en venonta Nro. Ĝi enhavos interesan artikolon kun ilustracioj. — Por venontaj Nroj estas preparitaj artikoloj de M. Gorkij, L. Andrejev kaj multaj poemoj de Lermontov kaj Puŝkin. Tradukojn faris eminentaj rusaj esperantistoj, kio garantias perfektan tradukon. — S-o **K. P.** en **Pr.**: Certe estus tre utila al disvastigado de Esp., se ĉie konata »Berlitz School« alprenus en sian programon ankaŭ instruadon de Esp. Sed kion fari por tion atingi? Eble amikoj anglaj aŭ francaj scias, kion fari en ĉi afero? — Al **frl. D.** en **K.**: Jes, sed en nuna tempo estas bezone pli multe da esperantistoj ol da proponoj. — **Dro M. W.**: Ni ne povas konsenti kun vi en tiu punkto; tiuj diskutemaj esperantistoj, kiuj ĉiun demandon eluzas por obstinaj vortbataladoj, estas malhelpantoj de disvastigado de nia lingvo. Utiligu tiujn fortojn al propagando!

# DELEGACIO POR LA ALPRENO DE HELPA INTERNACIA LINGVO.

## PROGRESO DE TIU IDEO EN LA AKADEMIOJ.

20. de februaro 1904.

De kelkaj monatoj la Delegacio faris rimarkindajn progresojn kaj ricevis gravajn rezultatojn, nome ĉe diversaj Akademioj.

Memorigu unue, ke la Reĝa Scienca Akademio en Amsterdamo al ni sciigis ne oficiale, ke ĝi aprobas la programon de la Delegacio, kaj estas preta voĉdoni al la principo de helpa internacia lingvo tuj, kiam tiu ĉi demando venos antaŭ la Internacian Asociacion de la Akademioj. (Tio estas decidita en junio 1903 ĉe la ĝenerala kolektiĝo, laŭ la raporto de komisio kunmetita de s-oj profesoroj Kern, Speijer, Van de Sande Bakhuyzen kaj Van der Waals, ĝenerala sekretario de la Akademio.)

Oni memoras ankaŭ, ke la Imperia Akademio de Sciencoj en Vieno, la 26. de junio 1902, komisiis unu el siaj membroj, s-on profesoron Hugo Schuchardt el Graz, »por atenti je la movado celanta kreon de helpa internacia lingvo artefarita, kaj pri tio al ĝi raporti«. S-o Hugo Schuchardt sendis sian raporton dum la monato decembro 1903. Tiu ĉi raporto, presita en la almanako de la Akademio por 1904, traktas la demandon precipe teorie, kaj nete konkludas por la programo de la Delegacio. Priparolinte pri Volapük kaj Esperanto, la tre instruita filologo diras: »La vera problemo, la problemo fina estas jena: havigi al tia lingvo, eĉ se ĝi ne estus la plej bona, ekskluzivan monopolon« .... »Nur centra aŭtoritato povas direkti al sukceso la movadon rilatan al komuna lingvo« .... »La Delegacio opinias, kaj tute prave, ke la Internacia Asociacio de la Akademioj

estas kapabla, pli ol ĉiu alia organo, plenumi tian juĝistan oficon« .... »Mi esperas, ke mi ne transpasos la komision de raportanto, aldirante, ke la Akademioj havas mem intereson ekokupi la oportunan momenton por direkti kaj konduki al la celo movadon, kiu ŝajnas esti tute ne repuŝebla .... La Asociacio de la Akademioj ne elirus el la rondo de problemoj difinitaj al si, sin okupante je la ideo de universaleco, en kiu tiel ofte enprofundiĝis, antaŭ du centjaroj, la animo de la homo, kiun oni ja povas nomi, esence, la Akademiano.« (Leibniz.)

Oni jam konas la komunikaĵon[1], kiun s-o de Tilly faris ĉe la Reĝa Akademio de Belgujo (klaso de sciencoj), la 4. de julio 1903, kiel delegito de la Akademio ĉe la komitato de la Internacia Asociacio, kaj en kiu li elmontris la utilecon de helpa lingvo por tiaj internaciaj kunsidoj de scienculoj, kiaj estas la kolektiĝoj de la Asociacio. En la kunsido de la 9. de januaro 1904, s-o de Tilly, prezentante al la Akademio la Historion de la universala lingvo de s-oj Couturat kaj Leau, resumis la programon de la Delegacio, kaj konkludis per jenaj vortoj: »La movado por helpa internacia lingvo estas hodiaŭ tiel bone organizita kaj direktata, ke nenio jam povas ĝin haltigi nek igi dekliniĝi de la celo. La lingvo internacia fariĝos; sed ĝi povas fariĝi kun aŭ sen la apogo de la Akademioj. Dezirinde estas sendube por la scienco kaj la Akademioj mem, ke ili prenu en tiu ĉi kreo la rajtan sian parton. Estas por ili kvazaŭ honora afero«.

En la kunsido de 6. de februaro 1904, la demando estas denove priparolita ĉe la klaso de Sciencoj, kiu unuvoĉe elmetis la sekvantan deziron:

»La klaso de Sciencoj elmetas la deziron, ke unu lingvo estu universale alprenita, ne tamen eksigante la vivajn aŭ mortintajn lingvojn.«

Oni rimarkos, ke tiu ĉi deziro transpasas la programon de la Delegacio, sed neniel kontraŭdiras al ĝi. Ĉar evidente estas, ke neniam oni povis interkonsenti pri la elekto de ia viva lingvo, oni estos devigita reeniri, vole ne vole, en la ja sufiĉe larĝan kadron difinitan de la De-

[1] Tiun komunikaĵon ni publikigos en la venonta Nro, se estos sufiĉa loko.
*La redakcio.*

klaracio.[1] Sur tiu ĉi sola kampo oni povas interkonsenti, tio estas senduba. Praktike do, la deziro de la Akademio reĝa de Belgujo (Klaso de Sciencoj) estas ekvivalenta kun aprobo de programo de la Delegacio. Cetere oni scias, ke 15 membroj de tiu ĉi Akademio jam subskribis nian internacian petskribon.

La 4. de decembro 1903, s-o profesoro W. Ostwald el Leipzig, faris en München, sub la aŭspicioj de Verein Deutscher Ingenieure, grandan paroladon pri kaj por la lingvo internacia. Tiel forte li klarigis la ĉefajn ideojn de la Delegacio, ke li decidigis aliĝi al la Delegacio la Bavarujan sekcion de Verein, kiu elektis lin kiel delegiton. Tiu ĉi parolado estas publikigita en la Frankfurter Zeitung de la 15. de januaro 1904, kaj estas represota aparte de la Delegacio. Elmontrinte utilecon de helpa lingvo kaj eblecon de artefarita lingvo, la aŭtoro formulas la lastan kaj plej gravan demandon en jenaj vortoj: »Kiel oni devas efektivigi universalan interkonsenton pri la elektota lingvo, alie dirite, kiu devas ĝin elekti?« La »kontentiga respondo je tiu ĉi demando« sin trovas, laŭ lia opinio, en la programo de la Delegacio, kiun poste li klarigas. Kaj li konkludas tiel: »Tiamaniere estus lerte forigita malfacileco, kiu ĝis nun vidiĝis la ĉefa malhelpo al la disvastiĝo de la ideo, nome scii, kiu el la estantaj aŭ estontaj internaciaj lingvoj devas esti universale elektita. Tiel longe kiel la decido pri tiu ĉi demando apartenos al individuoj, neebla estos interkonsento. Sed tuj kiam la scienca aŭtoritato estos pri tio decidinta, tuj ĉesos la konkuro inter la diversaj projektoj de helpaj lingvoj, lerninte hodiaŭ Volapükon aŭ Esperanton, aŭ ian alian el la tiamaj artefaritaj lingvoj. Tiam ankaŭ la registaroj ne ŝanceliĝos plu enkonduki la instruadon de tiu ĉi helpa lingvo en la ŝtatajn lernejojn.

Aldonu, ke 6 el la kolegoj de s-o profesoro Ostwald ĉe la Scienca Societo de Leipzig (kiu partoprenas en la Asociacio de Akademioj) subskribis nian internacian pet-

[1] Estu permesate al ni alvoki pri tiu ĉi punkto la opinion esprimitan de s-o Schuchart en la jam citita raporto: »La alpreno de unu el la vivaj lingvoj, ekster la neperfektaĵoj propraj al ĉiu el ili, naskus neelporteblan senegalecon inter la popolo, kies tiu ĉi lingvo estus, la gepatra lingvo kaj la ceteraj popoloj, al kiuj minacus pro tio plena sennaciiĝo«.

skribon, kaj ke s-o Hugo Schuchardt bonvolis respondi al artikolo kontraŭ lingvo internacia, elirinta en la Beilage zur Allgemeinen Zeitung de München, per letero tute favora al la Delegacio. Ĉiuj ĉi faktoj kunhelpis eksciti pri la demando la interesiĝon de la germana sciencularo, kiu ĝis nun restis indiferenta. La progresoj farataj de la ideo en Anglujo kaj ankaŭ Germanujo (progresoj, kies pruvojn ni ne povas doni tie ĉi detale), garantias al nia afero certan finan sukceson.

La kasisto:
L. COUTURAT
7, rue Nicole, Paris V.

La ĝenerala sekretario:
L. LEAU
6, rue Vavin, Paris VI.

El lingvo franca tradukis *F. Lallemant*, Dijon.

# ZÁJMENA — OSTATNÍ.

Píše *J. Holub.*

(Dokončení.)

**Kia** je jaký, jaká, jaké ve smyslu tázacím i vztažném. *Kian ŝtofon vi deziras?* Jakou látku si přejete? — *Kia arbo, tia frukto.* Jaký strom, takové ovoce. — *Kia brulado!* Jaký požár!

**Tia** taký, taká, také; takový, taková, takové. *Tia estis la persono de Ĉielson, kaj tiaj estis liaj laboroj.* Taková byla osoba Čielsonova, a takové byly jeho práce.

**Ĉia** každý, každá, každé. — **Ĉiu** překládáme též jako každý, každá každé. *Ĉiu* značí asi tolik, jako každý jednotlivec, při čemž nemáme na zřeteli nijakých vlastností. *Ĉiu aŭdanto estis kontenta.* Každý posluchač byl spokojen (všechny osoby; neoznačuje se tím však vztah na druh, původ, stáří, vyspělost, charakter . . .). — *Ĉia* značí vlastnost, kterou obyčejně vyjadřujeme jménem přídavným. *Ĉia aŭdanto estis kontenta.* Každý posluchač byl spokojen (každý druh, všechny různé druhy: posluchač vzdělaný i nevzdělaný . . .).

**Nenia** je české nijaký.

*

Sloupec 3. — *Mi volas ion diri al vi.* Chci vám něco říci. — *Li sidiĝis kaj pripensadis, kion fari?* Sedl si a přemýšlel, co dělati? — *Ŝi nenion promesis, kaj vi ne-*

*nion vidis, jen estas mia konvinko, kaj ni plu ne parolu pri tio.* Ona ničeho neslíbila, a vy jste ničeho neviděl, toť jest mé přesvědčení, a dále o tom nemluvme. — *Mi ne kredas tion.* Nevěřím tomu.

Poznámka. Nemůžeme říci *tio fenestro*, nýbrž *tiu fenestro*, to okno. *Ĉi tiu fenestro* toto okno. V podobných případech české *to* překládáme esperantským *tiu. Tio* může státi jen samotně, neváže se s podstatnými jmény; totéž platí o *io, kio, ĉio, nenio.*

*

Sloupec 4. — *Kies estas tiu ĉi pluvombrelo?* Čí je tento deštník? — *Nenies.* Ničí. — *La persono, kies portreton vi rigardas.* Osoba, na jejíž podobiznu se díváte. (Na podobiznu je vyjádřeno jediným slovem *portreton*). — *La personoj, kies portretojn vi rigardas.* Osoby, na jejichž podobizny se díváte.

*

Tvary *kiela* a *tiela* značí totéž co *kia* a *tia*. V prose má se užívati vždy tvarů kratších *kia* a *tia.*

*

Ještě stručně se zmíním o některých zájmenech a slovech významu zájmenného.

**Kelka** se překládá do češtiny v různých rčeních různě.

L. de Beaufront ve svém »Dictionnaire Esperanto - Français« uvádí slovo *kelka* v následujících rčeních: *Post kelka tempo*, což v češtině znamená: po nějakém čase. *Kelkaj frankoj* nebo *kelke da frankoj*, několik franků.

V české učebnici Esperanta od Č., B., H., (na str. 23. ve cvič. 23.) je věta: *Kelkaj homoj sentas sin la plej feliĉaj, kiam ili vidas la suferojn de siaj najbaroj.* Někteří lidé cítí se nejšťastnějšími, když vidí utrpení svých sousedů.

**Mem** je české sám. Nikoli však ve smyslu českého samoten, které překládáme slovem *sola. Li venis sola*, přišel sám (samoten, nikdo nešel s ním). — *Mi estas dome sola*, jsem sám (samoten) doma.

*Li mem venis*, nebo *li venis mem*. On sám přišel, nebo přišel sám (t. j. neposlal za sebe nikoho, ale dostavil se osobně). — *Amu vian proksimulon kiel vin mem!* Miluj bližního svého jako sebe samého! — *Donu al mi, patrino, la pelteton, mi mem iros arbaron!* Dej mi, matko, kožíšek, půjdu sama do lesa!

**Oni.** Čeština nemá zájmena tomuto odpovídajícího. Je to francouzské *on*, německé *man*. Znamená podmět neurčitý a překládá se různě. Obyčejně slůvkem »se« (Viz »Čes. Esp.« I. str. 124., Poznámka 3.), nebo třetí osobou množnou, nebo slovy člověk, lidé. *Oni diras, ke la vero ĉiam venkas.* Praví se (nebo povídají, lidé povídají), že pravda vždycky vítězí. — *Oni metis antaŭ mi manĝilaron.* Položili přede mnou příbor. — *Oni aŭdas marŝon en malproksimeco kaj pafojn post la sceno.* Jest slyšeti v dálce pochod a výstřely za jevištěm. — *Oni ne bezonas timi la veron.* Pravdy netřeba se báti.

*Alia* jiný, jinaký. *Cetera* ostatní. *Multa* mnohý, mnohá, mnohé. *Tuta* celý, celá, celé. *Sama* týž, táž, též (= ten samý); tentýž, tatáž, totéž.

## Z FRASEOLOGIE.

| | |
|---|---|
| Prosím, ber si! | Mi petas, prenu! |
| Buď, jak doma. | Estu tute tiel, kiel dome. |
| Nevím, jak se vám poděkovati. | Mi ne scias, kiel vin danki! |
| Co se ti stalo (přihodilo), mé dítě? | Kio al vi fariĝis (okazis), mia infano? |
| Cítím se přešťastným. | Mi sentas min tre feliĉa. |
| Však proto nepozbyl jsem spokojenosti, jeť to běh života (vždyť takový je život). | Sed pro tio mi ne perdis la kontentecon, ĉar tia estas la kuro de la vivado. |
| Nemám ani haléře. | Mi ne havas eĉ unu heleron. |
| Uspokojím vaši zvědavost, poněvadž nemůžete ztajiti, že jste poněkud zvědavým. | Mi kontentigos vian scivolecon, ĉar vi ja ne povas kaŝi, ke vi estas iom scivola. |
| Jste snad (asi) professorem? | Vi estas kredeble profesoro? |
| Ne, mýlíte se. | Ne, vi eraras. |
| Výchova člověka trvá po celý život, a čím více se učíme, tím více vidíme, že se musíme ještě učiti. | La edukado de la homo daŭras la tutan vivon, kaj ju pli ni lernas, des pli multe ni vidas, ke ni devas ankoraŭ lerni. |
| Co jsem dlužen (povinen)? | Kiom mi ŝuldas? |

| | |
|---|---|
| Přijď, a ukáži ti vše. | Venu, kaj mi montros al vi ĉion. |
| Šel jsem tam hledat práce (za prací). | Mi iris tien por serĉi laboron. |
| Přicházím pro peníze. | Mi venas por mono. |
| Buď bez starosti. | Estu sen zorgo. |
| Jen směle (mužně) vpřed! | Nur kuraĝe antaŭen! |
| Nemluvme (mlčme) o tom (o té věci). | Ni silentu pri ĉi afero. |
| Nevycházej! Nezapomeň toho (na to)! | Ne eliru! Ne forgesu tion! |
| Viz, co jsem koupil! | Vidu, kion mi aĉetis! |
| Nyní si odpočiň! Nepracuj již! | Nun ripozu! Ne laboru plu! |
| Buďte pozorni! (Pozor!) Buď vesel! | Estu atentaj! Estu gaja! |
| Ať žije! Buď zdráv. | Ke li vivu! Estu sana! |
| Viditelný *pouhým* (prostým) okem. | Videbla per *nuda* okulo. |
| Třpytivá hvězdička. | Trembrilanta steleto. |
| Nabýti opět vědomí. | Rekonsciiĝi. |
| Peníze uspořené. Peníze uložené. | Mono enŝparita. Mono ŝparmetita. |
| Uleknouti se. | Ektimiĝi. |
| Náhoda. | Hazardo, okazo. |
| Dítě pozorovalo mne nedůvěřivě. | Infano rigardis min malkonfide. |
| Vždyť víte dobře, jaká je! | Vi ja bone scias, kia ŝi estas! |
| Jen ne vše na jednou! | Nur ne ĉion je unufojo! |
| Prosím, nechoď tam! | Mi petas, ne iru tien! |
| Posaď se! Vstaň! | Sidiĝu! Leviĝu! |
| Svlečte se! | Senvestigu vin! |
| Ach, příteli, vstáváte velmi pozdě! | Ho, amiko, vi leviĝas tre malfrue! |
| Ach, co zamýšlíte? | Ha, kion vi intencas (fari)? |
| Buď pokojný! Upokoj se! | Estu trankvila! Trankviliĝu! |
| Doufám, že mi rozumíte? Či (nebo) se snad mýlím? | Mi esperas, ke vi komprenas min? Aŭ ĉu mi eble eraras? |

# STŘEDISKO STUDENTŮ ESPERANTISTŮ.

## STUDENTA ESPERANTISTA CENTRO.

V sjednocení síla. Již před několika týdny počal jsem s p. Seynaeve mysliti na sjednocení studentů esperantistů v nějakém sdružení. Možná, že otázka tato ještě nedozrála. Přece však prospělo by velice věci naší, kdyby studenti esperantisté celého světa měli střed — ovšem v některé universitě.

Unuiĝo faras fortecon. Jam antaŭ kelkaj semajnoj s-o Seynaeve kaj mi ekpensis pri unuigo de esperantistaj studentoj en kvazaŭa federacio. Eble tiu ĉi demando ne atingas ankoraŭ maturecon. Tamen estus utilege por nia afero, se esperantistaj studentoj de l' tuta mondo havus centron, kompreneble en ia universitato.

Myslím, že v přítomnosti určena jest k tomu universita Dijonská — budoucnosti nepředbíhám.

Mi opinias, ke la universitato de Dijon estas difinita por ludi tian rolon en nuna tempo — mi ne antaŭjuĝas pri estonteco.

Jeť ona prvou universitou získanou Esperantu, z ní vyšlo také nynější hnutí universitní pro ně. Všichni její členové jsou Esperantisty nebo přejí Esperantu. Třeba-li vzpomínati velkých skutků předního professora jejího p. Méraye a rektora p. Boiraca denně pracujícího a usilujícího dle možnosti o rozšíření Esperanta? Proč by studenti esperantisté, kteří touží navštíviti cizí university, nescházeli se v Dijoně, jenž by takto přirozeným takřka stal se jich střediskem?

Oni memoriĝu, ke ĝi estas la unua universitato alvarbita al Esperanto, kaj ke de ĝi eliris la nuna movado universitata por Esperanto. Ĉiuj ĝiaj anoj estas esperantistoj, aŭ favoras Esperanton. Ĉu bezonas paroli tie ĉi la grandajn farojn de ĝia eminenta profesoro Méray? Ĉu ankaŭ diri, ke ĝia rektoro s-o Boirac ĉiutage laboradas kaj klopodas laŭ povo por disvastigo de Esperanto? Kial esperantistaj studentoj, kiuj deziras viziti fremdajn universitatojn, ne kunvenus Dijonon, kiu tiel fariĝus kvazaŭ ilia natura centro?

Nad to od lonského roku universita Dijonská, následujíc jiných universit, zaří-

Aliparte, de la lasta jaro, la universitato de Dijon, imitante aliajn universitatojn,

dila pro cizí studenty prázdninové kursy pro francouzský jazyk. O prázdninách (v letních měsících) jest tudíž otevřena všem esperantistům, kteří najdou v ní srdečné esperantské přijetí a kurs o Esperantě právě tak jak o francouzštině. Dále má tato universita také po ostatní část roku takové zvláštní kursy pro cizince. Jest tudíž otevřena po celý rok.

Neníliž to tedy opravdové středisko esperantistů? Chybí jen známost toho. Proto oznamuji to esperantistům.

*Ch. Lambert*, professor university v Dijonu (Francie).

kreis por fremdaj studentoj libertempajn kursojn pri franca lingvo. Dum libertempo (someraj monatoj) ĝi estas do kunvenejo malfermita al ĉiuj esperantistoj, kiuj trovos en ĝi koran esperantistan akcepton kaj kurson pri Esperanto tiel same, kiel pri franca lingvo. Plie tiu universitato havas ankaŭ dum la cetera tempo tiajn kursojn apartajn por fremduloj. Sekve ĝi estas malfermita tutjare.

Ĉu tio ne estas vera esperantista centro? Mankas nur, ke tio estu konita. Tial mi sciigas ĝin al esperantistoj.

*Ch. Lambert*, profesoro ĉe la universitato en Dijon.

# EN NORDAJ MAROJ.

Originale verkita de *Marie Skalská.*

El Hamburga haveno la 16. de julio 1903 meznokte elveturis turista vaporŝipo »Hera«, por fosi sian vojon tra silentantaj kaj ribelantaj plategoj de nordaj maroj ĝis la malluma ŝildo »Norda promontoro« en Norda glacimaro. Multenombra estis aro da vojaĝantoj — »Hera« estis okupita ĝis la lasta anguleto. Kaj en tiu miksaĵo, kunmetita el apartenantoj de ĉiuj landoj de Aŭstrio, troviĝis ankaŭ mi, por ekvidi ravan belecon de nordo en radianta brilo de suno meznokta.

Kaj mi pasigis majestajn horojn sur Norda maro, kiam ĝi en silenta bonvolo portis nin tra paco de siaj kortuŝaj humoroj; mi vidis ĝian kruelegan, senkompatan malbonvolon, kiam »Hera« ŝanceliĝis en ribelantaj, eterne muĝantaj ondoj de Skagerrak; kaj mi vidis la elsopiritan marbordon de Norvegujo, kiel ĝi dum sunplena mateno trankvile portis sin en arĝentkoloraj nebuloj de l' oceano.

Poste fjordoj malfermis siajn templojn. Ah, vi fjordoj kun belaj fabelaj ĝardenoj plenaj de luksa somero en plej diboĉema florado, vi fjordoj kun dezertaj, mallumaj rokoj kaj fantomaj solecejoj! Fjordoj, en kiuj akvofaloj tremiĝas en aero kiel mitikaj vualoj kovrantaj mondojn misterajn — fjordoj kun diademo de eternaj neĝo kaj glacio — fjordoj kun tendoj de Loparoj kaj kun amasoj da nordaj cervoj, kun peza sigelo de sencedaj bataloj kun la naturo.

Poste malvarmaj ventoj el glacimaro memorigis al ni, ke ni pasis polusan rondon, kaj aperis konturoj de fantoma insulo »Hestmandö«, prezentantaj grandegulan rajdanton sur ĉevalo kun mantelo malproksimen en vento ondiĝanta. Aperis tuta terurplena tragedio de tiu malgaja, neesprimeble dezerta lando: Firmaĵo tie tute perdis potencon, kvazaŭ ĝi mem plorus super propra tombo — la frunton ĝis la maro mallevitan, en plena humileco de venkiteco kaj senpotenceco — silentigita, vipita de furiozantaj ondegoj, malviva, tiel funebre malviva.

Dio, kiel tio ŝiris mian koron kaj nekonita ĉagreno min kaptis! Kun ega doloro mi rigardis tiujn ŝtoniĝintajn funebrojn de l' patrino tero, tiujn postsignojn de gigantaj bataloj de elementoj, kaj miaj okuloj brilis per riĉaj larmoj en tiuj malgajaj solecejoj, kaj plej volus rompi tiujn nevideblajn rondojn, kiuj ligas la marajn misterojn kaj rigidajn rokojn de eterna silento.

Ah — silento tie estas — tio eble estas la vorto plej elokventa — funebra, terurega silento de nudaj rokoj en mezo de frenezanta bruego de maroj furiozantaj eble ĝuste pro tiu eterna silento. Eĉ Hammerfeston ni jam atingis. Kiel malgaja regiono! Nur nudaj rokoj en ĉirkaŭpreno de pasie puŝantaj ondoj, kaj sovaĝaj teruraj ventoj kuradas super bruegoj, kiuj nenie havas finon, nenie celon — ĉie nur tiu grandegeco de la muĝantaj kaj siblantaj akvaroj, ĉie tiu funebro de l' pasivaj rokoj.

Kaj nia ŝipo ree ekkuris al nia fina celo, kie malaperas ĉiu signo de surtera vivo, kie el sovaĝa ondpuŝado[1] de l' teruregaj akvaroj leviĝas izolita, tripinta, nigra roko de »Norda promontoro«, super kiu disverŝiĝas fabela, belega brilo de suno meznokta.

Kiel terura tio estis, granda kaj konfuzanta! Tiu muta roko en ĉirkaŭpreno de ribelantaj, ŝaŭmantaj ondoj!

[1] Příboj, Brandung, ressac.

En neĝisvideblan malproksimon je ĉiuj flankoj estas la malvarmaj, mallumaj katenoj de l' eterna maro, elĵetanta pereon kaj morton eble ankaŭ al tiuj sferoj aeraj! Kaj super ĉio tio ĉi meznokte la plej belega ludo de koloroj neviditaj! Reganto de tago kaj nokto, ĉiopova suno, de ie el profundaj horizontoj verŝas sian benan sorĉpovon[1] super oceano, malŝpare disdonas flamruĝan brilon sur senfinaj regionoj, kvazaŭ per sia trankvileco ĝi estus kvietigonta la senbridan regadon kaj kruelan petolemon de l' ondoj. Sed ne — baldaŭ vi elsentos, ke tie ĉi estas harmonio profundega, nekomparebla — ĉio estas sendisiga tuto, eterna kaj ravanta per sia senŝanĝebleco: tiuj ribelemaj, pasiaj ondoj, tiu sovaĝa muĝo de ventoj, tiu majesta vizaĝo de meznokta suno disverŝanta majestecon de neviditaj koloroj sur nivelo de akvaroj, kaj tiu dezerta, disfosita roko de »Norda promontoro« . . .

Ĉio granda, konfuzanta — nur tie apud piedo de l' promontoro estas kaduka, pigmea ellaboraĵo[2] de homaj manoj. Nia »Hera« balanciĝanta en ondoj kaj krakanta sub spiroj de ventoj — — — — — — — — — — — —

Ah, tiuj horoj esti sla plej profundaj kaj plej teruraj en mia vivo. Tiu vizaĝo de l' malproksima naturo elvokis el miaj okuloj multe da larmoj, ekskuis mian internon kaj mi nun scias: ke jam nenio ekzistas en la mondo, kio t i o m tuŝus mian koron, kio min alkondukus al pordego de t i a ekkono, kiel faris la potenca majesteco de l' nordaj maroj, kiel faris grandiozaj aperoj[3] de iliaj rokoj kaj dezerta sovaĝeco de la plej alta nordo.

Pasis tiu belega nokto, kiu propre ne estis nokto — »Hera« estis deligita kaj portis nin tra malluma Raftsund al neĝkovritaj Lofotoj, enfermis sin kun ni en trankviliĝintaj faldoj de grandioza Troldfjord, kaj ĉirkaŭ novaj kaj novaj aperoj ĝi rapidis kun ni al firmaĵo[4] de Norvegujo, sur kiun ni suriris post longa ŝipveturo en Trondhjem.

T. G. MASARYK:

Dle toho, jak tráví člověk svůj prázdný čas, jaké zábavy vyhledává, lze poznati, co vlastně v kom vězí.

Laŭ tio, kiel homo pasigas sian liberan tempon, kiel li amuzas sin, oni povas ekkoni lian efektivan valoron.

Trad. *Julie Šidlo.*

[1] Čaromoc. [2] Trpasličí dílo. [3] Velkolepé zjevy. [4] Pevnina.

# KRONIKO.

Sub redakcio de *J. Grňa*, Lipová-Dřevohostice. Moravio.

**Čechy a Morava.** *Ze spolku esperantistů v Brně.* Spolek přesídlil do Ferdinandské ulice 22. Schůzky konají se každé úterý večer. Brzy započnou dva kursy; jeden německý, se zvláštním zřetelem na obchodní korrespondenci, jejž povede p. *Steier* a druhý pro Čechy, jejž bude řídit jednatel spolku p. *Kajš*. Doufáme získati pro kursy ty místnost v obchodní škole. — Pražský denník »Čas« pokračuje v uveřejňování článků o Esperantu. — Také v časopise »Český Jih« byl článek o Esperantu od p. Fr. Kühnla a v Pelclových »Rozhledech« od p. Riegla. — **Francie.** Světoznámá firma knihkupecká Hachette & Cie v Paříži, 79, boulevard Saint-Germain vydala právě 1. číslo toužebně očekávaného časopisu »*Internacia Scienca Revuo*« (Mezinárodní vědecká revue). Redaktorem jest p. P. Fruictier v Paříži, 27, boulevard Arago. Každý měsíc vyjde sešit lex. formátu o 32 stranách. Roční předplatné 7 fr. — Z bohatého a zajímavého obsahu 1. čísla uvádíme: »Věda a domněnka«, »O smutné budoucnosti soustavy sluneční«, »O příčinách souchotin a boji proti tuberkulose«, »O vlivu duševního stavu rodičů na vývoj pohlaví dítěte«, »Vyvolávání negativu ve fotografii«, »Návrh chemického názvosloví« a j. — Tato první vědecká revue psaná pomocnou řečí mezinárodní dokazuje, že Esperantem možno psáti i o předmětech vědeckých. Tím vyvráceny jsou námitky těch, kdož upírají Esperantu tuto schopnost a jen proto je odmítají. Nepochybujeme, že nyní není možno, aby vědecký svět zůstal i nadále hluchý a slepý ke hnutí esperant-

**Bohemujo. Moravio.** *El societo de esperantistoj en Brno.* Societo transloĝiĝis en Ferdinandská ulice (Ferdinandsgasse) 22. Kunvenetoj okazas ĉiumarde vespere. Baldaŭ komenciĝos du kursoj: unu por Germanoj, celita precipe komercan korespondador, kiun gvidos s-o *Steier*, dua por Bohemoj, gvidata de sekretario s-o *Kajš*. Ni esperas gajni por tiuj kursoj komercan lernejon. — Ĉiutaga gazeto »Čas« daŭrigas publikigadi artikolojn pri Esperanto. — Ankaŭ s-o Fr. Kühnl presigis artikolon pri Esperanto en bohema gazeto »Český jih« kaj s-o Riegl en revuo »Rozhledy«. — **Francujo.** Konata firmo Hachette & Cie en Parizo, 79, boulevard Saint-Germain, ĵus eldonis 1-an Nron de longe atendata »*Internacia Scienca Revuo*.« Ĝia redaktoro estas s-o P. Fruictier en Parizo, 27, boulevard Arago. Ĉiumonate eliros kajero de leksik. formato po 32 paĝoj. Jara abono 7 fr. El riĉa kaj interesa enhavo de Nro 1-a ni citas: »La scienco kaj la hipotezo,« »Pri la malgaja estonto de la suna sistemo«, »Pri patogenio de ftizo kaj batalado kontraŭ tuberklozo«, »Influo de la psika stato de l' gepatroj al formado de l' sekso de l' idoj«, »La fotografa rivelado«, »Projekto de kemia nomaro esperanta«. Tiu ĉi unua scienca revuo skribita en helpa lingvo internacia pruvas, ke en Esperanto oni povas skribi eĉ verkojn sciencajn. Tio neniigas kontraŭdirojn de tiuj, kiuj neas ĉi tiun taŭgecon al Esperanto kaj nur pro tio malaprobas ĝin. Ni ne dubas, ke nun scienca mondo ne restos plu surda kaj blinda al movado esperantista kaj ni esperas, ke ankaŭ internaj scienculoj troviĝos propagandantoj de lingvo internacia. —

skému a doufáme, že i mezi našimi vědci naleznou se podporovatelé a šiřitelé jazyka mezinárodního — zvláště když v protektorátu zastoupena jsou jména tak zvučná, jako: Dr. *L. Zamenhof*, autor Esperanta; *Francouzská společnost přírodozpytců; Mezinárodní sdružení elektrotechniků: Cl. Adelsköld*, člen vědecké akademie štokholmské; prof. *Appell*, děkan pařížské fakulty věd a člen akademie; *d' Arsonval*, prof. francouzského kolegia a člen akademie, *Baudoin de Courtenay*, prof. petrohradské university a člen krakovské akademie; prof. *Berthelot*, člen fr. a pařížské vědecké akademie, stálý sekretář; *Bouchard*, prof. pařížské fakulty medicinské a člen akademie; prof. *Becquerel*, člen akademie; *H. Deslandres*, prof. astronomie a člen akademie; *E. Duclaux*, ředitel pařížského ústavu Pasteurova a člen akademie; *Förster*, prof. astronomie na universitě v Berlíně; *Haller*, prof. pařížské fakulty věd a člen akademie; *Henr. Poincaré*, prof. fakulty věd a člen akademie; *Ramsay*, univ. prof. a člen královské spol. londýnské a generál *Sebert*, člen francouzské akademie. — **Německo.** Nedávno založený »Spolek esperantistů berlínských« vydává již svůj vlastní orgán pod názvem »*Esperantistische Mitteilungen*« (»Zprávy esperantské«) v jazyce německém a v Esperantu. K 1. číslu přiložen jest lístek přihlašovací, v němž vydavatelé výslovně prohlašují, že »E. M.« bude více prostředkem propagačním než časopisem. — Prvé číslo zamlouvá se jasným plynným slohem, bezvadným jazykem i zevnějškem; zasluhuje tudíž všemožné podpory, zvláště i proto, že v Německu může nám prokázati platných služeb. Předplatné 1·80 K přijímá »Grupo Esperantista«, Berlín,

»I. S. R.« estas eldonata kun patronado de Dro *L. Zamenhof; Franca societo de elektristoj; Cl. Adelsköld*, el scienca akademio Stokholma; prof. *Appell*, dekano de Pariza scienca fakultato, el franca akademiaro; *d' Arsonval*, prof. en franca kolegio, el fr. akademiaro; *B. de Courtenay*, prof. en Peterburga universitato, el Krakovia scienca akademio; prof. *Berthelot*, el fr. akademio, ĉiama sekretario, de Pariza scienca akademio; *Bouchard*, prof. en Pariza medicina fakultato, el fr. akademiaro; prof. *Becquerel*, el fr. akademiaro; prof. *H. Deslandres*, astronomiisto, el fr. akademiaro; *E. Duclaux*, direktoro de Pariza Pasteur'a instituto, el fr. akademiaro; *Förster*, prof. de astronomio en Berlina universitato; *Haller*, prof. en Pariza scienca fakultato, el fr. akademiaro; *Henr. Poincaré*, prof. en scienca fakultato, el franca akademiaro; *Ramsay*, prof. en universitata kolegio, el Londona reĝa societo; generalo *Sebert*, el franca akademiaro. — **Germanujo.** Antaŭ ne longe fondita »Berlina Grupo esperantista« vigle laboras kaj jam eldonas propran organon »*Esperantistische Mitteilungen*« (Esperantaj sciigoj) en lingvoj germana kaj Esperanta. En almetita al Nro 1-a »Peto pri aliĝo« diras ĝiaj eldonintoj, ke »E. M.« estos pli propagandilo ol gazeto. »E. M.« tre plaĉas pro sia klara fluanta stilo, senerara lingvo kaj eĉ pro sia eksteraĵo. Tial ĝi meritas helpon de esperantistoj, ĉar ĝi povas multe fari por nia afero en Germanujo. Abono 2 fr. estu sendata al »Grupo esperantista«, Berlin, Prinzenstrasse, 95. Membroj de grupo Berlina pagas 4 fr. kaj ricevas gazeton senpage. — Nomita grupo sendas ankaŭ belan broŝuron de J. Borel »Die Frage einer internationalen Hilfssprache und das Esperanto«, po 15 pf. — **Rusujo.** Dro Ostrov-

Prinzenstrasse, 95. Členové spolku platí 4 Mk a dostávají časopis zdarma. — Jmenovaný spolek zasílá též pěknou brožurku p. J. Borela, jednající o pomocné řeči mezinárodní a Esperantu, za 15 pfenigů. — **Rusko.** Dr. Ostrovskij v Jaltě na Krymu pracuje o založení místního odboru petrohradského esp. spolku »Espero« a snaží se dosáhnouti úředního svolení k vydávání ruského propagačního orgánu esperantského. Přejeme plného zdaru -- **Amerika.** Časopis »*La Lumo*« vydává praktickou sbírku »Amerika esperanta kolekto«. Jsou to otisky cvičebních článků vyšlých ve zmíněném časopise. — V *Saint-Louis* otevřena bude letos mezinárodní výstava. Jest záhodno, by Esperanto na této výstavě důstojně se representovalo. Péči o to převzal spolek esperantistů v Paříži, jenž vyzývá všecky přátele jazyka mezinárodního, by mu v této práci byli nápomocni. — Zvláště bylo by potřeba mnoho propagačních brožur ve všech jazycích, by rozdávány býti mohly návštěvníkům výstavy. Tím zajisté dosáhlo by se velkého úspěchu. Všecky zásilky přijímá p. *H. de Coppet*, Paris. boulevard Péreire 174. -- Esp. výstava umístěna bude v oddělení 138 »společenské hnutí«. — Časopis »*Antaŭen Esperantistoj*«, vycházející v Limě (Peru) redakcí univ. professora F. Villareala, přinesl v číslech 3. a 4. čl. »*Neŭrastenio*« od Dr. R. Adamíka, uveřejněný ve 4. čísle R. I. — »A. E.« jest orgán peruanské společnosti esperantistů. — V poslední době i v **Chile** počíná čilejší hnutí esperantské. »Chilský spol. Esperantistů« vydává časopis »Ĉilio Esperanta«, jenž zasílán jest zdarma. Redaktorem jeho je pan Luis E. Sepúlveda Cuadro, *Santiago*, Chile. — **Anglie.** Pan *G. C. Law* z Londýna po-

skij en Jalta laboras pri fondo de loka filio de Peterburga esp. societo »Espero« kaj klopodas por ricevi oficialan permeson eldonadi rusa-esperantan organon. Ni deziras plenan sukceson! — **Ameriko.** Gazeto »*La Lumo*« eldonas praktikan kolekton nomitan »Amerika esperanta kolekto.« Eldonitaj libretoj plaĉas pro sia praktika formato kaj malgranda kosto kaj enhavas represojn de ekzercaj artikoloj, elirintaj en nomita gazeto. -- *En Saint-Louis* estos malfermita universala ekspozicio. Estus dezirinde, ke Esperanto estu en ĝi bone reprezentita. Pri tio zorgas Pariza grupo esperantista, kiu petas ĉiujn amikojn de lingvo internacia, ke ili helpu al ĝi en ĉi entrepreno utila kaj sendu al ĝi kiel eble plej multajn dokumentojn. Precipe oni bezonus multajn propagandajn broŝurojn en ĉiuj lingvoj, por ilin disdonadi al vizitantoj. Esperanta ekspozicio estos lokita en grupo 138-a »progresado de sociala movado«. Ĉio estu sendata al s-o *H. de Coppet*, Paris, boulevard Péreire 174. — Nro 3. kaj 4. de gazeto »*Antaŭen Esperantistoj*«, eliranta en Lima (Peruo), kies redaktoro estas tiea universitata profesoro F. Villareal, enhavis artikolon »*Neŭrastenio*« de Dro R. Adamík, publikigitan en 4. Nro de »R. I.« — »A. E.« estas organo de »Perua esperantista societo«. — En lastaj monatoj ekmoviĝas ankaŭ **Ĉilio** por Esperanto. »Ĉilia societo esperantista« eldonas revueton »Ĉilio Esperanta« kaj dissendas ĝin senpage. Ĝia redaktoro estas s-o Luis E. Sepúlveda Cuadro, *Santiago*, Chile. — **Anglujo.** S-o *G. C. Law* el Londono sendis al ni afable jenajn sciigojn: S-o O' Connor, verkinto de angla esper. lernolibro, faris paroladon por Esp. ĉe »Holborn«

slal nám laskavě tyto zprávy: »P. O' Connor, původce anglické esper. učebnice, přednášel v restauraci »Holborn« před 400 posluchači o Esperantu. Hned zahájen i kurs valně navštívený. Hrabě z Denbigh předsedal. — V denníku »Daily Mail« 12. III. 1904 uveřejněn článek professora Ramsaye, vynálezce helia, chválící Esperanto, zejména jeho jednoduchost a upotřebitelnost. — Nová skupina tvoří se v londýnské čtvrti Baltersea«; kurs tamní vede p. Law.

**Mezinárodní výstava časopisů** byla uspořádána péčí »Klubu novinářských sazečů« v průmyslovém museu v Brně. Původce výstavy, horlivý esperantista, ukázal výhodnost Esperanta pro mezinárodní podniky, opatřiv sbírky časopisů téměř ze všech zemí. Žel jen, že ředitel neponechal klubu celého zařízení a vystavil vše dle své libosti, bez jakéhokoli přehledu i bez katalogu. Pro příští výstavu (bude za dva roky) slíbena náprava. Pomocí Esperanta opatřené časopisy měly buď razítko »Per Esperanto« nebo propagační známku v řeči české, německé nebo esperantskou. Sbírka esperantských listů, celkem 18i vyvolala podivení mnoha pochybovačů. Bude-li to míti na ně nějaký vliv, ovšem nevíme, neboť lidé s předsudky neradi se jich vzdávají. — Všem esperantistům, kteří pomohli výstavu uskutečniti, vřelý dík! *J. Kajš.*

restoracio, antaŭ 400 ĉeestantoj. Tuj fondiĝis kurso multe vizitata. Grafo de Denbigh prezidis. — En »Daily Mail« (ĉiutaga gazeto) 12. III. 1904 aperis artikolo de profesoro Ramsay, eltrovinto de heliumo, laŭdanta Esp. kaj klariganta ĝian simplecon kaj taŭgecon. — Nova grupo naskiĝis en Battersea, kvartalo de Londono.« Kurso tiea estas kondukata de s-o Law.

**Internacia ekspozicio de gazetoj** estis aranĝita per zorgo de »Klubo de kompostistoj gazetaj« en industria muzeo en Brno. Iniciatoro de ekspozicio, fervora esperantisto, montris praktikecon de Esp. por internaciaj entreprenoj, akirinte per Esp. kolektojn de gazetoj preskaŭ el ĉiuj landoj. Bedaŭrinde direktoro de muzeo ne lasis tutan aranĝon al Klubo, sed li mem elmetis ĉion laŭ sia plaĉo, sen ia trarigardebleco eĉ sen katalogo. Por venonta ekspozicio (ĝi okazos post du jaroj) promesita pliboniĝo. Per Esp. akiritaj gazetoj surhavis aŭ stampon »Per Esperanto« aŭ propagandan markon en lingvoj bohema, germana aŭ Esp. Ĉe kolekto de Esp. gazetoj, 18 entute, oni aŭdis ekmiron de multaj skeptikuloj. Ĉu ĝi havos influon je ili, oni ankoraŭ ne scias, ĉar homoj kun antaŭjuĝoj ne volonte konfesas sian nescion. — Al ĉiuj esperantistoj, helpintaj efektivigi ekspozicion, varman dankon.

**Revuo Universala**. Memstara organo malfermita por ĉiuj fakoj kaj opinioj. (Nur en Esperanto). Eliras sesonjare. Abono 4 fr. Red. & adm.: Le Hâvre, 71, rue Michelet. Francujo.

**»Espero Katolika«**, organo de societo kun tiu sama nomo, eliradas de nun en 12-paĝaj kajeretoj; ĉiujare eliros 10 numeroj. Abono — 2·50 fr. Direktoro: Pastro Em. Peltier en Cheillé, par Azay le Rideau (Indre et Loire), Francujo.

**La Meksika Lumturo**. Monata organo de Meksika societo por propag. Esp. Abono 3 fr. Red. & adm.: Dro A. Vargas, Santa Rosa Necoxtla, (Ver.). Meksiko. Ameriko.

# ORGANIZACIO DE KORESPONDADO (O. K.).

*Klarigo de signoj: D = donas. Dez = deziras. K = kolektas. L = legas (en lingvoj . . .). P = parolas. R = respondas. S = skribas.*

Unu anonco por ĉiu abonanto de »Č. E.« estas tute senpaga.

**51. Aŭstrio. Bohemujo.** PURKAREC. — *Karel Svačina*, lernejestro de popola lernejo. *LSP:* boh., germ. *LS:* Esp. *Dez:* Korespondi pri moroj, kutimoj de diversaj nacioj kaj pri eksterlanda lernejaro. *D:* Sciigojn pri bohema lernejaro kaj pri bohema industrio, komerco ktp. *R:* Ĉiam per ilustr. kart. aŭ per letero. — Konatiĝi precipe kun instruaj rimedoj en diversaj landoj. * 1842.

**52. Francujo.** ST. CLAUDE (Jura), Strato Poyat, 3. — *Albert Cadenat*, profesoro de matematiko en gimnazio. *LSP:* franc., Esper. *L:* angl. *Dez*: Korespondi pri sistemo de punoj por junaj lernantoj. Abelkulturo, rekonstitucioj de arbaroj en montoj. *D*: Adresojn de fabrikistoj de pipoj, kombiloj ktp. *R*: Per poŝtkart. aŭ leteroj, plej baldaŭ. — Korespondi pri situacio de profesoroj kaj instruistoj en diversaj landoj. Sciiĝi kutimojn de popoloj, precipe en Finlando kaj Islando. * 1857.

**53. Aŭstrio. Bohemujo.** VYSOKÉ VESELÍ. — *Josef Nesler. LSP*: bohem. *LS*: Esper. *Dez*: Perfektigi sin en Esperanto. Korespondadi pri ĉio por ekkonadi. *R*: Ĉiam. — Amanto de muziko.

**54. Aŭstrio. Moravio.** BRNO, Kamenná ul. 17 A) *Fr. Pokora*, stavitel (arĥitekturisto). *LSP*: bohema, germana. *Dez*: Per amuza maniero ellerni Esperanton. *K*: Markojn, kartojn ilustritajn, monerojn kaj similajn objektojn. *R*: Ĉiam.

**55. Anglujo.** LONDON, 394, Kings Road, Chelsea. — *Geo. C. Law*, apotekisto. *LSP*: angl., Esper. *Dez*: Korespondi kun samideanoj per kart. ilustr. enhavantaj sciigojn pri tiuj vidaĵoj. Mi preferas ilustraĵojn vertikalajn. *R*: Al ĉiu, tuj *1877.

**56. Aŭstrio. Hungarujo.** BUDAPEST, Andrássi ut 71. — *Tantos János*, studento de desegna akademio. *LSP*: hungar., germ., Esper. *LS*: angl., franc. *Dez*: Korespondi pri belartoj, natursciencoj kaj aferoj esperantistaj. *K*: Ilustr. poŝtkart. *R*: Per ilustr. poŝtk. * 1881.

**57. Alĝerio.** ALGER, 17, boulevard Gambetta. — *Aŭguste Capé*, oficiro. *LSP*: franc., Esper. *LS*: germ. *Dez*: Ricevi sciigojn, kiuj estas favoraj por propagando en Alĝerio. — Mi deziras, ke disvastigo de Esperanto faciliĝu per ĉiuj eblaj rimedoj. * 1868.

**58. Aŭstrio. Bohemujo.** KRÁLOVSKÉ VINOHRADY, Mánesova ul. 38., III-15. — *Arnošt Bičiště. LSP*: bohem., germ., Esper. *Dez*: Korespondi pri sporto, precipe atletiko, pri higieno; pri socialismo, pri anarĥismo; pri amo, pri edzeco; pri estonta stato kaj farto de inteligenta homaro. *R*: Per leteroj, laŭ deziro ankaŭ per poŝtaj kart. ilustr.; laŭ ebleco baldaŭ. * 1879.

**59. Rusujo.** *Čertkovo*, Voronej-Rostov. ĵel. dor., Donskaja Oblast, stacio fervoja. — Dro *Aleksandr Vejtcler. LSP*: rus., Esper. *LS*: franc. *Dez :* Konatiĝi kun vivo kaj moroj de diversaj nacioj. *D*: Informojn pri mia laŭdo. *R*: Ĉiam kaj tuj, ankaŭ per ilustr. kart. * 1867.

Redaktor: Krumpholc Jos. — Vydavatel: Čejka Th.
Tiskem »Družstva knihtiskárny«, Hranice.

**„Klub esperantistů v Praze.“** Roční příspěvek 4 K. Klubovní orgán »Český Esperantista«. Spolek má právo zakládati odbory (místní skupiny) s vlastní správou. Stanovy odborů lze obdržeti za 10 h v poštovních známkách. Členové zodpovědí dle možnosti všechny otázky. Zvláště přeje si klub — za účelem propagačním — co nejvíce zpráv o humanitě (lidskosti), filantropii (lidumilství) a zdravotnictví pro odborný list český. (Na obálce račte poznamenati: Pro p. JUC. Fr. Vlka, redaktora v Praze, II-359.) Kromě toho žádáme všech esperantistů, aby ráčili klubu zasílati nebo oznámiti jména časopisů a listů, jež přinesly nebo uveřejňují články o pomocném jazyku vůbec a Esperantu zvláště (neb i proti E.). Zvláště budeme vděčni za zprávy o listech českých. Je toho třeba ke zdaru statistiky a zamyšlené výstavy. (Na obálce račte poznamenati: Panu H. Bouškovi.)

**„Esperantista klubo en Praha“ Bohemujo.** Jara kotizajo 4 K. Kluba organo »Český Esperantista«. Klubo havas rajton fondi filiojn (lokajn grupojn) kun propra administracio (sub propra komitato). Grupan regularon oni ricevos post alsendo de 10 heleroj en poŝtmarkoj. Klubanoj respondas laŭ ebleco ĉiujn demandojn. Klubo apartè deziras ricevadi por celo propaganda kiel eble plej multe da sciigoj pri humaneco, filantropeco kaj zorgo pri higieno, kiuj estus presotaj en faka gazeto bohema. (Sur koverto oni faru rimarkon: Por s-o JUC Fr. Vlk, redaktoro, Praha II-359.) Krom tio ĝi petas ĉiujn esperantistojn, ke ili bonvolu sendi aŭ almenaŭ sciigi ĝin pri titoloj de gazetoj kaj jurnaloj, kiuj parolis aŭ publikigadas artikolojn pri lingvo helpa entute kaj pri Esperanto speciale (eĉ kontraŭ E.). Apartan dankon por sciigoj pri gazetoj bohemaj. Tio ĉi estas bezonega por aranĝi sukcese statistikon kaj estontan ekspozicion. (Rim. sur koverto: Por s-o H. Bouška).

## NOVAJ APEROJ EN LITERATURO ESPERANTA.

En ĉi rubriko ni citos ĉiam nur titolon. Recenzioj pri apartaj verkoj estos donataj ankaŭ plu en »Bibliografio«. Ni povas raporti nur pri tiuj verkoj, kiujn ni ricevis (se eble en 2 ekz.).

H. Sentis: En Monto. (4 ravaj poemetoj.) 8 pĝ. — Amerika Esperanta kolekto: Esperanto Grammar in English. 80 pĝ., 10 cts. — J. Borel: Die Frage einer internat. Hilfssprache und das Esperanto. (Propag. broŝuro.) 32 pĝ., 15 pfg. — J. Borel: Was ist Esperanto? Bau der Esperanto-Sprache. Esperanto für die Blinden. (Propag. folioj.) 20 ekz. 25 pfg. — X. de Maistre: Vojaĝo interne de mia ĉambro. (Trad. Sam. Mayer.) 58 pĝ., 0·75 fr. — J. de la Fontaine: Elektitaj fabloj. (Trad. G. Vaillant.) 64 pĝ., 0·75 fr. — Brueys kaj Palaprat: Advokato Patelin. Triakta proza komedio. (Trad. M. J. Evrot.) 42 pĝ., 0·75 fr. — M. Verema: Fonetiko litera. Skizo pri kelkay konsonantoy. (Ortografiko senakcenta.) 16 pĝ. Eldonita de librejo L. Lamiot, Céret (Pyr. — Or^les^), Francujo.

**La Revue de l' Esperanto.** Semajna organo de Grupo Esperantista en Boulogne sur Mer. Abono?? Redaktoro estas s-o *A. Michaux, Boulogne s. Mer, 26, rue Wissocq*, Francujo.

**Avizo grava por turistoj.** La grupo esperantista de Alĝerio kaj de la Norda Afriko intencas organizi karavanon por ĉirkaŭe tridek ĉiulandaj turistoj. Tiu karavano vizitus la plej interesajn lokojn kaj pejzaĝojn en Alĝerio kaj estus per ĝia sola prospero la plej bona pruvo de la facileco de parolebleco de Esperanto inter personoj de diverslingvaj landoj. La karavano okazus ĉirkaŭ la monato majo kaj kostus kune kun mara transiro (de Marseille) 500 ĝis 600 fr. — laŭ la klaso de mara vojaĝo.

Detalaj sciigoj estos sendataj laŭ petoj. Poŝtmarko de 50 centimoj devas esti aldonata por la respondo.

Oni skribu sen prokrasto al s-o *A. Capé* 17. boulevard Gambetta, Alĝerio.

---

**Českou učebnici Esperanta** (mluvnici, cvičebnici, čítanku) se slovníky esper.-češ. a česko-esper. lze objednati v administraci „Českého Esperantisty“ (BYSTŘICE-HOSTÝN, Morava) nebo prostřednictvím každého knihkupectví. Cena knihy neváz. K 2·10, váz. K 3·10. Vázané výtisky lze obdržeti pouze v administraci „Č. E.“

---

**Propaganda.** K informačním účelům hodí se velmi dobře obsažný spisek „Idea řeči mezinárodní“, jehož 1 výtisk prodává se za 13 h, 5 výtisků za 60 h a 10 výtisků za 1 K (vždy vyplaceně). — Propagační letáky (stručná mluvnice, ukázky Esperanta, úsudky slavných mužů o ideji pomocného jazyka mezinárodního vůbec a o Esperantu zvláště). 10 kusů obdrží každý zdarma, kdo o ně dopíše dvojitým koresp. lístkem. 25 kusů za 10 h. Objednávky vyřizuje obratem pošty administrace „Č. E.“.

---

Žádáme všech přátel, aby nám laskavě oznámili adresy, na něž bychom mohli úspěšně zaslati ukázková čísla našeho listu.

---



---

**Zaslal jsem již doplatek za rok 1903 a předplatné — 3 K — na rok 1904?**